# ABZ DE ESPERANTO EN LA 3-a MSFORUMO


# Gaja Haveno

cdsoares@terra.com.br

**Ekde 1997 – N-ro 15 – Jan./ Mar. 2003**
**Porto Alegre, RS, Brazilo**
**Redaktas César Dorneles Soares**
**Mal. Frota, 278 – BR-91350-030**


## A el Atelieroj

Sub la aŭspicioj de UEA – Universala E-Asocio, estis aranĝitaj tri atelieroj: *Esperanto: uma alternativa democrática à hegemonia lingüística* (kunordiganto: César Dorneles Soares, prelegantoj: Jimes Vasco Milanez (Volta Redonda/RJ), José A. Pacheco, Marcelo Stodutto kaj Miguel Boeira Vianna (Porto Alegre/RS); *Esperanto – the neutral international language* (Paulo Izaías Ereno (Canoas/RS) kaj *Por el derecho a la comunicación: justicia en la dimensión lingüística* (José Antonio Vergara/Ĉilio).

## B el BEL

Se dependus ekskluzive de BEL-Brazila E-Ligo, oni farus nenion por disvastigi E-on en la plej granda kaj grava evento de la monda civila socio. Pro iu neŭtralismo pasiva kiu izolas la Movadon for de la mondo krom la land-limoj de Esperantio. Alie oni bezonas en la Movado gvidantojn politike konsciajn pri la mondaj problemoj kaj ne nur simplajn reproduktantojn de la mond-percepto distrumpetata de la amas-komunikiloj konservativaj. Homojn konsciajn pri la fakto, ke la E-Movado nome de la vera Esperantismo endas partopreni en tiu granda reto kiu ekformiĝas mond-skale por alia mondo kiu certe eblas...

## C el Certeco

Io certas: okazigo de la Forumo en Porto Alegre instigas la lokan E-komunumon al pli integriĝa laboro sam-kiel disvolvas iun valoran sperton kiu trans-ireblas al aliaj aktivecoj.

## Ĉ el Ĉimarono

Danke al S-ano Olavo Faustino (Alvorada/RS) la ujo por trinki mate-trinkaĵon pasigis de mano en manon dum la tuta periodo en kiu la E-istoj aktivis por E-o en la Forumo. Eĉ dum marŝado.

## D el Diskut-listo

En la bonega diskut-listo http://br.groups.yahoo.com/group/esperanto-br/, de nia senlaca S-ano Jozefo Paŝeko, vi trovos bon-kvalitan fotaron pri la Forumo.

## E el Ekkrioj

Aŭdeblis dum la forumaj marŝadoj: 'Vidu, Esperanto!", "Esperanto?!"

**Estu membro de GEA !**

## Kalendaro

KONVERSACIA RONDO – Ĉiu-lunde, 19h, en GEA-Gaŭĉa E-Asocio: Str. dos Andradas, 1251/101. Tel. 3228.3198

VERDA KAFO – En la lasta sabato de la monato, 16h, en la trinkejo-restoracio Tutty's: Av. Independência, 30, fronte al Santa Casa de Misericórdia. Tel. 3225.8060

ESPERANTO EN LA BRIKABRAKO – En la dua dimanĉo de la monato, 9h, en la Brikabrako de Redenção: Str. José Bonifácio, kvartalo Bom Fim. Venontaj: 9/2 kaj 9/3/03. Kunportu vian esperantan T-ĉemizon!

## F el Forumeto

E-ateliero en la Forumeto (por infanoj, en la ŝtata lernejo Júlio de Castilhos), organizita de S-aninoj Maria da Glória Teixeira Geyer, Maria Elisabeth Gomes Diehl kaj Nilce Maria Rodrigues, oni prezentis i.a. malgrandan skeĉon, dancadon de folklora muziko (parte en E-o)) kaj kantado de E-versioj – ĉi-lasta pere de aro da geknabetoj el Dois Irmãos/RS.

## G el GEA

La regiona E-komunumo ĝuis denove la valoran apogon de GEA-Gaŭĉa E-Asocio por ke E-o ĉeestus en la Forumo. Egdankon!

## Ĝ el Ĝuo

Fotoj, multe da fotoj! Inkluzive por ordinaraj forumantoj. Jen momentoj tre ĝuitaj de la esperantistoj kunportantaj siajn fald-foliojn.

## H el Historio

100 mil homoj el 156 landoj, 5.717 NRO-j, 4094 ĵurnalistoj: jen la 'publiko' por diskonigo de E-o en la lasta Forumo. La historio de la gaŭĉa E-movado ekiras tra novaj vojoj ekde la unua eldono de tia eg-evento!

## Ĥ el Ĥoro

Mankas ankoraŭ i.a. multaj aferoj pripensindaj iu atento-kapta ĥoro kantante E-muzikaĵojn por servi kiel ilo por diskonigo de nia kara lingvo.

## I el Intervjuoj

Oni registru inter alijaj intervjuoj donitaj kaj al naciaj kaj al internaciaj amas-komunikiloj tiun pertelefone al *Rádio Rio de Janeiro* (Rio-de-Ĵanejro/RJ) dum Esperanta programero prezentita de S-ano Givanildo Ramos Costa en la 28/1 post-tagmeze.

## J el Jozefo Paŝeko

Denove nia kara s-ano Jozefo Paŝeko fariĝis nia *mecenato* en la Forumа aktivado por E-o. *Ni laboru kune!* por li ne temas nur pri iu bela slogano sur stampita papero. Malavare li disponigis al la grupo kelk-milojn da buntaj kaj riĉ-enhavaj fald-folioj.

## Ĵ el Ĵaketoj

La verdaj ĵaketoj (*jalecos*) uzataj de la E-grupo dum la inaŭgura marŝado ebligis al ni facilan rekonigon de la esperanta delegacio sur historiaj fotoj en *Zero Hora* kaj *Veja* kiuj montris la hom-amason de partoprenantoj en tia forumero. Jen bona ideo de S-ano Luiz Fernando Puhl.

## K el Krokodilemo

Oni klopodu estontece paroli pli kaj pli esperante en la Forumo... Aŭdigi la lingvon ankaŭ estas kielo voki la atenton de la partoprenantoj pri ĝi.

## L el Lauffenburger

S-ano Alain Lauffenburger, fratino de nia kara S-anino Claire Lauffenburger (Francio), jene ret-mesaĝis al la diskut-listo Esperanto-BR pri nia partopreno en la Forumo: 'La surloka agado de la samideanoj estas vere admirinda kaj ŝajnas tre efika! Korajn dankojn al ĉiuj por via agademo kaj por la interesaj raportoj kaj belegaj fotoj. Ni nepre daŭrigu la impeton dum estontaj Sociaj Forumoj!'.

## M el Marŝado

Du marŝadoj – la inaŭgura kaj tiu kontraŭ ALCA kaj por la paco fariĝis tute unikan sperton pri klarigado pri E-o al konsiderinda nombro da homoj surstrataj.

## N el Neŭtralismo



**La imperiismo minacas la estontecon de Esperanto. For la neŭtralismon pasivan kaj preterlasan!**

## O el Olavo

Oni-dire nia kara Olaveto ne emas iri al Hindio venont-jare ĉar tie fine tute ne akireblas iu verda herbo tre ŝatata de li...

## P el Propono

Ret-mesaĝe al la prezidanto de UEA, S-ano Renato Corsetti, S-ano Alain Lauffenburguer (Japanio) proponis, ke sub la patroneco de UEA oni kreu forum-agadan komitaton por pli trafa kaj ampleksa diskonigado de E-o en la MSForumo.

## R el Ridetemo

Kun tiom da petoj por fotoj S-ano Jovanir Medeiros fariĝis unu el la plej ridetemaj E-kompanoj en la 3-a MSF.

## S el Salato

En tiu granda *salato* de NRO-j (neregistaraj organizoj) – preskaŭ 6 mil el la tuta mondo -, la nia estis unu el la plej videblaj pro la skrib-rubandoj kaj fald-folioj disponeblaj. Tio fierigis nin...

## Ŝ el Ŝerco

Finiĝis la Forumo kaj ni tuj perdis nian *promenantan vortaron de Esperanto*, tio estas, nia kara S-ano Jimes Vasco Milanez (Volta Redonda/RJ)... kies lerteco cetere multe kontribuis la alt-niveligo de la prelegaro portugal-lingva.

## T el Televido

Iu kelk-sekunda ekapero de la vorto *Esperanto* sur la televido per si mem ja estas valorega konkero por la diskonigo kaj de la ekzisto kaj de la plu-vivanteco de la lingvo. Tiu-sence la MSF ebligas tion al ni foj-foje. Se ne paroli mem-kompreneble pri la intervjuoj donataj.

## U el UEA

La MSForumo alproksimigas la regionan esperantistaron al UEA precipe pro iu sento de dankemo pro la apogo ricevata, kiu alie oni esperas, ke kresku en la venontaj eldonoj de la Forumo...

## Ŭ el Ŭa! Ŭa!

Ŭa! Ŭa! MSF en Porto Alegre nur en 2005!

## V el Vergara

Alnomita *O Elétrico* de iu loka samideanino , S-ano José Antonio Vergara, el Puerto Montt, Ĉilio, fariĝis unu el la ĉefaj figuroj de la aro de E-istoj ĉeestantaj en la Forumo ne nur pri lia natura afableco kaj aktivemo sed por lia klereco pri la adekvata diskonig-politiko de E-o. Lia prelego pri lingvaj homaj rajtoj estis riĉa je ideoj pripensindaj ankaŭ por la E-aŭskultantaro ĉeestanta. Li emfazis la neceson, ke oni plibonigu nian laboron en la evento pere de aktiva partopreno kaj interveno en aliaj forumaj diskutadoj kun-rilataj al Esperanto. Tiamaniere oni atingus inkluzive influhavulojn kaj povus senigi aŭ almenaŭ mildigi antaŭjuĝojn pri E-o.

## Z el Zumado

Jes ja, oni ankoraŭ ne sukcesas vere distrumpadi pri E-o dum la forumaj tagoj, sed almenaŭ nia zumado jam havigas pozitivajn atingojn. La monda E-movado nepre vekiĝu pri la graveco de la Monda Socia Forumo cele al tio!



# Porto Alegre esperantas

## ❑ Elementa kurso en *Bezerra* inaŭguris la lerno-jaron

Pli ol dudek homoj entuziasme frekventis la 1-an Elementan Kurson de Esperanto, aranĝitan de la kultur-departemento de S.B.E Bezerra de Menezes kaj okazintan inter 13-17/1/03 vespere, sub la kurs-gvido de Instr. César Dorneles Soares. Sekve kelkajn opiniojn de gelernantoj pri la fulma kurso:

- *En mia opinio* este curso deve acontecer sempre até porque assim as pessoas perdem o medo de conhecer uma nova língua e vêem que o Esperanto é uma língua fácil gostosa de aprender. (lernantino)
- Na minha opinião o curso foi muito bom. Foi voltado para pessoas que não tinham (como eu) nenhum conhecimento de Esperanto. A didática de apresentação foi variada tornando a aula menos cansativa com os cantos e movimentação de objetos ou coisas. Surgiro que persista a idéia do curso elementar como um primeiro contato com o Esperanto, estimulando o estudo da língua. Muito obrigado pela oportunidade. *Tre bone.* (Guilherme Elchnen)
- *Mi opinias, ke ĝi estis tre bona.* Não tinha maiores conhecimentos, vim mais para acompanhar o meu filho e tive a grata surpresa de gostar e se possível dar continuidade. (Lourival Viña Rodriguez) ●

## Kiel diri?

'Aqui e ali'? = ie-tie
Caderneta de poupança? =ŝpar-konto
'Colar"? = kaŝ-vidi
Fita métrica? = mezur-bendo
Novela? = sapo-opero, sento-fikcio
Torcedor? = Fano, apoganto ●

## *Figura senco en Esperanto - 1*

KROKODILI – Paroli sian nacian lingvon en esperantista medio

ALIGATORI – Paroli en la nacia lingvo de iu alia, estante en esperantista medio: 'Nilce aligatoris ĉar ŝi parolis kun Claire en la franca.'

KAJMANI - Paroli en nacia lingvo stranga ĉu por la parolanto ĉu por la aŭskultanto: 'Dumkelkmomente César kaj Claire kajmanis en la angla...'

AZENO – Stultulo. Azenaĵo: stultaĵo

ZIPI IES LIPOJN! – Ĉesi paroli, teni sekreton : Zipu viajn lipojn pri tio! ●

Baza fonto: 'Slango kaj Ĵargono en Esperanto', far Wouter F. Pilger (Hungario)

# DESEAK

*César Dorneles Soares*

Komence de la jaro, DESEAK – Departemento de Esperanto de S.E. Allan Kardec – estis eksigita pro 'financaj kialoj'. Nedubeble tre bedaŭrinda okazintaĵo des pli pro tio ke DESEAK tra siaj preskaŭ 30-jara ekzisteco ludis tre gravan rolon en la ĵusa historio de la Movado niaregione. DESEAK ne nur disvastigis E-on al kelkmiloj da homoj, ne nur lernigis E-on al centoj kaj centoj da interesatoj sed ankaŭ formis grandparte de la nuntempa generacio de movad-gvidantoj. Mi persone ŝuldas al DESEAK miajn unuajn spertojn en la kampo de la instruado, de la aktivado kiel kun-aranĝanto de eventoj (mi bone memoras pri niaj *Amikaraj Renkontiĝoj* komence de la 1980-aj!), en la kampo administra (ne nur mi sed ankaŭ pluraj aliaj fariĝis eĉ prezidantoj de GEA kaj ESPA, direktoroj de E-departementoj en aliaj spiritismaj instancoj ktp, ktp), en la kampo de redaktado de informiloj. La unua E-bulteno kiun mi redaktis estis ĝuste la unua oficiala organo de DESEAK : *Bonan Tagon!*, kiu cirkulis inter 1981 k 1982. Mi tutcerte ne povus ne mencii la valoregan laboron i.a. de homoj kiel S-ano Dorval Pereira da Silva kaj S-anino Lucila Dávalos Fernandes, ĉefaj respondeculoj pri la kreo kaj subteno de DESEAK tra la jaroj, kaj S-anino Nydia Aidós Krieger – mia kar-memora instruantino, kolegino kaj amikino, kiu pro sia imensa karismo kaj grand-animeco sukcesis, ke la homoj estu ekravitaj de Esperanto. Same menciinde kaj gratulende estas la kontribuo de la lasta estraro de DESEAK, kiu prenis sur sin la respondecon pri la departemento kaj iris antaŭen... malgraŭ la limigoj altruditaj. Gratulon kaj dankon do al S-anino Nilce Maria Rodrigues kaj skipo. Kaj kiel mi diris al Nice per-telefone oni atendu, ke estontece DESEAK reaperu denove kaj plu ludu la rolon kiun la historio de la E-movado en Rio Grande do Sul rezervis al ĝi. ●